16-a jaro. — N-ro 2 (180) Februaro 1930




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—
EKSTERLANDO : Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1930



BONVOLU PAGI VIAN KOTIZON 1930.

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken.

---

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

---

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, R. Brihay.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : « Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : «Liera Stelo». — Jos. Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

---

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Kandidatoj bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo :** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

---

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».

**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

---

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

16a JARO N-ro 2 (180) FEBRUARO 1930.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro : FRANS SCHOOFS 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen Telefono 943.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 1337.67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj** : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.

**Ekspeda Servo** : FR. COOL.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## 1905 - BELGA LIGO ESPERANTISTA - 1930

### 19a BELGA ESPERANTO-KONGRESO.

**Lieĝo, 1-10 de Junio 1930. (Pentekosto).**

Ni havas la plezuron rememorigi al nia Samideanaro, ke nia venonta kongreso okazos en Lieĝo dum la Pentekostaj festtagoj.

Ĉar Lieĝo kaj ĉirkaŭaĵo estas ege vidindaj kaj pro la fakto, ke okazos ekspozicio internacia en la ĉefa Valona urbo, ni ne dubas, ke multaj el niaj samideanoj volos profiti tiun okazon por ĉeesti nian jaran feston.

Je sia flanko, la L.K.K. nenion preterlasos por igi la kongreson plej interesa kaj la restadon de la kongresanoj plej agrabla.

### PROVIZORA PROGRAMO DE LA KONGRESO.

**Sabaton** : Malfermo de la akceptejo. — Intima kunveno. — Vespere : Ĝenerala labora kunsido, dum kiu ĉiu Ligano havos la okazon prezenti siajn proponojn kaj rimarkojn pri la Liga agado.

**Dimanĉon** : Kunveno de la kongresanoj en la akceptejo. — Ev. Oficiala akcepto. — Ĝenerala kunveno de « Belga Ligo Esperantista ». — Fotografado de la kongresanoj. — Festeno. — Vizito de la urbo kaj de la ekspozicio. — Intima festo kun balo.

**Lundon** : Vizito de la urbo kaj de la ekspozicio. — Ekskursoj.

**Mardon** (eventuale) : Sama programo kiel lundo.

N.B. La kongreskarto kostas Fr. 15.—.

Klopodoj estas farataj por ke la kongresanoj ĝuu fervojan rabaton de 35%. — En la marta numero de B. E. ni donos ĉiujn necesajn detalojn pri la prezo de la loĝado, festeno, k. c.

Por ĉiuj informoj pri la organizado de la kongreso oni sin turnu al la Sekretario de la L.K.K., S-ro R. Dechesne, 1, Rue Ernest Solvay, Sclessin-Liége.

Proponojn por la ĝenerala kunveno aŭ laborkunsido de « Belga Ligo Esperantista» oni faru kiel eble plej frue al nia Liga Ĝenerala Sekretario : St. Lievenslaan, 60, Boulevard St Liévin, Gento.

# HISTORIO DE BELGUJO

## II.

## PRELUDO AL SENDEPENDECO.

Ni ne rajtas meti super tiun ĉi ĉapitron ion alian ol « Preludo al Sendependeco», ĉar malgraŭ la oficialaj diraĵoj, Belgujo ne akiris sian sendependecon per ruiniĝo de la Napoleona povo.

La artikolo VI de la « Traktato de Parizo », la 30an de Majo 1814, efektive tute klare donis la belgan teritorian al Vilhelmo de Nasaŭo, kiel pligrandigon de lia lando.

La « Konvencio de Londono », subskribita en la monato de Junio posta, alportis la kondiĉojn de tiu kunigo de du popoloj.

En la ideo de la Grandaj Regnoj, kiuj altrudis al la Belgaj Provincoj ne la submetiĝon sed la kunmetiĝon kun la Holanda regno, la nova lando, kiu alprenis la nomon de «Regno de la Nederlandoj» estos sufiĉe forta ŝtato, por ke ĝi povu sin defendi, se necese. Aliflanke la nova lando, enhavis laŭŝajne ĉion, por iĝi feliĉa popolo: La terkulturo, la komerco kaj la industrio estas same florantaj ; ĝi posedis en la Malproksima Oriento belajn koloniojn kaj ĝi enhavis la havenojn de Antverpeno kaj de Roterdamo, du el la plej belaj en la mondo.

La Belgoj unue kontentiĝis pri la ne tre honorinda sorto, kiun faris al ili la grandaj Eŭropaj Regnoj. La Reĝo Vilhelmo estis forpreninta la imposton sur la salo kaj sur la tabako, tiun sur la heredaĵoj de gepatroj al gefiloj; Antverpeno, Bruselo, Lieĝo kaj Loveno ricevis diversajn artajn ĉefverkojn, kiujn la francoj estis kunprenintaj dum la jaroj de sia superregado; la uzado de niaj riveregoj iĝis denove libera, kaj la kunigo de ambaŭ landoj do povis permesi ĉiujn esperojn.

Malfeliĉe la Reĝo Vilhelmo ne kapablis same bone gvidi laŭ politika kaj religia vidpunktoj.

La unua erarego, kiun li faris, estis la altrudo de la Holanda Fundamenta Leĝo, al la Belgoj, malgraŭ tio ke la 1.603 eminentuloj Belgaj, kiujn li invitis esprimi sian opinion, estis malaprobintaj tiun Leĝon per grava plimulto : Dum 280 ne esprimis opinion, 796 malaprobis kaj nur 527 aprobis la proponitan leĝon. La Reĝo Vilhelmo sin apogante sur la plenaj povoj, kiujn li ankoraŭ havis antaŭ sia inaŭgurado, kiu okazis nur en Septembro 1815, decidis la 24an de Aŭgusto 1815, ke la holanda Leĝo estos deviga en Belgujo.

La Fundamenta Leĝo holanda ne parolis pri la libereco de presado, kaj la fakto ke la Belgaj ĵurnalistoj kaj politikistoj multe kritikis la decidon de la Reĝo, estis okazo por li ordoni severajn juĝajn decidojn kontraŭ tiuj, kiuj permesis al si riproĉi ion al la holanda registaro.

Ni diras «**ordoni severajn juĝajn decidojn** » kaj efektive la fakto ke, laŭ Holanda Fundamenta Leĝo, la juĝa povo dependis de la Reĝo, ĉar je ĉiu momento juĝisto povis esti anstaŭata, permesis al la registaro fakte antaŭordoni la juĝon, kiun ĝi deziris.

Kiam ni konsideras, ke la punoj, kiujn ordonis la Reĝo Vilhelmo kontraŭ ĵurnalistoj estis la malnobliĝo, la markstampo, la enkarcerigo

de unu jaro ĝis dek kaj punpagoj de 100 ĝis 100.000 frankoj, oni komprenos, ke ne multe da tempo estis necesa por ke la Belgoj iĝu malamegintaj ĉion, kio estis holanda.

Aliflanke malgraŭ tio ke Holando nur enhavis 1.900.000 enloĝantojn kaj Belgujo 3.000.000, ambaŭ landpartoj havis la saman nombron de deputitoj, tiel ke la Belgoj neniam povis esperi, ke dank'al sia plimultnombreco, ili povos iam venki tiun malamikan spiriton, des pli ĉar la Unua Ĉambro aŭ Senato estis kunmetita de 40 ĝis 60 membroj, kiuj estis ĉiuj nomitaj de la Reĝo, kiu tute ne ŝajnis kompreni la Belgojn, antaŭ ĉio volis resti la Reĝo de la Holandanoj, kaj lasis Bruselon, kiu ankaŭ oficiale estis ĉefurbo, tute forfali.

En 1828 jam 70.000 Belgoj skribis petleteron al la Reĝo, sed tiu ĉi, malbone konsilita, konsideris tion kiel skandalan trouzon de rajto, kaj tute nenion faris. En 1829, nova petletero estis sendita kun pli ol 350.000 subskriboj, sed kun la sama rezulto.

Al tiu nekomprenemo je politika vidpunkto, la Reĝo Vilhelmo aldonis tiun laŭ religia vidpunkto. Li ne volis kompreni, ke en lando kun du diversaj religioj, la protestanta en la Norda parto, la katolika en la suda, toleremo flanke de la altaj sferoj estis necesa, kaj li tiel mem kunlaboris al la unuigo de ĉiuj Belgaj fortoj, liberalaj kaj katolikaj, por la luktado al pli da sendependeco kaj pli da libereco.

Intertempe en Julio 1830, okazis la revolucio en Francujo, kaj laŭ diraĵo, ke « kiam pluvas en Parizo, pluvetas en Bruselo », la fajra vento ankaŭ baldaŭ estos blovinta sur la ĉefurbon de la Sud-Nederlandoj.

La 26an de Aŭgusto 1830, oni ludis en la granda Brusela Operdomo nomita « Teatro de la Monfarejo», la ludon «La Mutulino de Portici » de Auber, laŭ teksto de Scribe kaj Delavigne. Tiu teksto pritraktas la revolucion de la enloĝantoj de Napoli kontraŭ la hispana tiranio, sub la konduko de Masniello. Estas en tiu opero fama dukanto « Sankta Amo de l'Patrujo », kiu metis la geaŭskultantojn en tiun specialan spiriton, kiu regas la antaŭvesperojn de Revolucioj.

Je la fino de la teatraĵo, la aŭdantaro ekkantis la "Brabançonne", la ĵus-kunmetitan kanton de la franco Jenneval, kaj are ĝi direktis sin al la oficejoj de la novstarigita registarema ĵurnalo «Le National», kaj de tie ĝis iris al la Ministerio de Justeco, kiun ĝi ekbruligis.

La postan tagon, la trikolora flago de Brabanto, — ruĝa, flava, nigra, — montriĝis ĉe la fasado de la Brusela urbdomo. Burĝa Gvardio sin organizis por protekti la propraĵojn, kaj deputacio de eminentuloj iris al Hago por peti de la Reĝo la nepre necesan liberecon.

Oni notu, ke je tiu momento ne jam temis pri la abdiko de la Reĝo Vilhelmo, nek pri ŝanĝo de dinastio. La Belgoj nur petis apartan administradon, sed la Reĝo ne volis cedi ; li volis ĉion konservi ; la sekvo estis, ke li ĉion perdis.

Malpli ol unu monaton poste, la Revolucio ja estis ĝenerala en tuta Belgujo, krom en Antverpeno kaj Gento, kies komercaj interesoj ŝajnis harmonii kun tiuj de Holando.

Antaŭ la fino de la monato Septembro la Reĝo Vilhelmo tamen fine komprenis, ke la Belgoj nepre volis altrudi al li pli tolereman sin-

tenadon... kaj li nur trovis la rimedon, sendi al Bruselo armeon sub la ordonoj de la Princo Frederiko.

La Princo de Oranĵo, kiu estis tre simpatia, ankaŭ en la sudaj provincoj unue iris al Vilvordo, kaj de tie interrilatis kun la Bruselaj eminentuloj. Li akceptis eniri la sudan ĉefurbon sen akompanantaro. Peza kaj signifoplena silento regis en la urbo. Nenie aplaŭda krieto, ĉie malaprobo. La Princo foriris kaj promesis apogi apud la Reĝo projekton de administrada diseco de la du partoj de la Nederlandoj.

Sed la Princo devis reiri al Belgujo kun la armeo, pri kiu ni supre parolas.

La 23an de Septembro, liaj soldatoj klopodis eniri la ĉefurbon ; sed la popolo amasiĝis en freŝformitaj regimentoj, kaj, dum kvar tagoj, du kolonoj da holandaj soldatoj, kiuj estis enirintaj la Parkon, estis ĉirkaŭitaj de la Belgaj volontuloj, kaj, la 27an, Bruselo estis tute liberigita. La Holandanoj estis sekrete dum la nokto foririntaj.

Intertempe, la 26an de Septembro, formiĝis « **Provizora Registaro**», kiu konsistis el Charles Rogier, F. de Mérode, Alexandre Gendebien, Van de Weyer, Jolly, J. Vanderlinden, Emmanuel d'Hooghvorst, Nicolaï, kaj, la 28an, revenis en Belgujon, la polemikisto De Potter, kondamnita je ok jaroj da ekzilado, la 30an de Aprilo, kaj ankaŭ li partoprenis en la laboroj de la « Registaro».

La gvidanto de la Belgaj Volontuloj, Juan Van Haelen, tamen ne kontentiĝis pri sia unua sukceso, daŭrigis la lukton, kaj venkis la Holandanojn la 18an kaj 19an de Oktobro en Liero, la 21an en Waelhem-apud-Mehleno, la 24an en Berchem-apud-Antverpeno. Estis dum tiu ĉi lasta batalo, ke estis vundita Fr. de Mérode, kies statuo nun staras en Berchem sur la Granda Ŝoseo de Antverpeno al Bruselo.

Kuraĝigitaj, la plimulto el la Belgaj urboj estis revoluciintaj kaj forpelintaj la reprezentantojn de la Holanda reĝimo kaj post kelkaj semajnoj la Holandanoj ankoraŭ nur posedis Antverpenon, Maestricht kaj Luksemburgon.

La 4an de Oktobro, la « Provizora Registaro» deklaris « **ke la Belgaj provincoj estis perforte deŝiritaj de Holando, kaj estonte formos sen dependan ŝtaton** ». Ĝi anoncis, ke ĝi baldaŭ kunvokos Nacian Kongreson.

La 12an, ĉiuj reĝaj ordonoj, kiuj malliberigis la instruadon, estis nuligitaj ; la 16an, la senlima libereco de religio, de opinio kaj de la presado estis proklamitaj; la 22an la alta polico disigita, kaj, iom post iom, la Registaro sin okupis pri la reordigo de la lando, la enspezo de la impostoj, la reorganizado de la juĝa povo kaj de ĉiuj la publikaj administracioj, kaj dume sin okupis por akiri la necesan neŭtralecon de la grandaj Eŭropaj Regnoj.

Kiam, la 27an de Oktobro, generalo Chassé, kiu ankoraŭ nur posedis la citadelon de Antverpeno, ordonis la bombardadon de la urbo; kaj tiel detruis pli ol kvarcent domoj, la deponejojn, en kiuj ripozis varoj por pli ol tri milionoj da guldenoj, la lasta ebleco amike interrilati estis for.

La 10an de Novembro la **Nacia Kongreso** definitive kunvenis en Bruselo sub la prezidanteco de **Surlet de Chokier.**

Tri decidoj estas rememorindaj: la **decido pri la sendependeco** de Belgujo, estis akceptita de ĉiuj ĉeestantoj; la **konstitucia, reprezentativa kaj hereda monarhia reĝimo** estis akceptita per 174 voĉoj kontraŭ 13 kaj la **eterna forigo de la familio de Oranjo-Nasaŭo** de ĉiu povo en Belgujo, per 161 voĉoj kontraŭ 28.

Post 11 semajnoj da diskutado, la Kongreso publikigis la **Konstitucian Leĝon** la 7an de Februaro 1831 kaj okupis sin pri la elekto de Reĝo. Du kandidatoj estis prezentitaj: la **duko de Leuchtenberg,** filo de Eŭgeno de Beauharnais kaj la **duko de Nemours,** dua filo de Ludoviko-Filipo.

Per 97 voĉoj de la 192 partoprenintoj, t. e. per nur ĝusta voĉa plimulto, estis elektita la duko de Nemours, sed Ludoviko-Filipo, kiu unue ŝajnis ema instigi sian filon al akcepto, rezignis en lia nomo **« por eviti Eŭropan militon ».**

Surlet de Chokier tiam okupis dum diversaj monatoj la **vicreĝecon,** ĝis kiam, la 4an de Junio 1931, **Leopoldo de Sakso-Koburgo** estis elektita kiel reĝo de la Belgoj, per 152 voĉoj, el 196.

La 16an de Julio la novelektita **reĝo Leopoldo** forlasis Anglujon, kie li estis subskribinta antaŭe la **« Traktaton de la 18 Artikoloj »,** kiun la Kongreso akceptis du semajnojn poste.

**La 21an de Julio** la unua reĝo de Belgujo eniris feste en sian novan ĉefurbon, kaj tiun tagon la Belgoj ĉiujare rememoras, kiel sian nacian festotagon.

Sed, se la 21a de Julio 1930 estas fakte nur la 99a datreveno de la solena eniro de la Reĝo en lian ĉefurbon, la Belgoj tamen kalkulas sian sendependecon de la jaro 1830, kiam ekstariĝis la potenca movado, kiu alportis al nia popolo sian plenan liberecon kaj kiam la nacia Kongreso decidis pri aparta ŝtatiĝo kaj donis al la Lando la Konstitucian Leĝon, kiun ĝi preskaŭ entute ĝis nun konservis.

Aldonu ni, ke en Bruselo, granda monumento **« La Kolono de la Kongreso »** rememorigas pri tiu grava okazintaĵo, kaj ke estas sub ĝi, ke, post la milito 1914-1918, kiu endanĝerigis nian liberecon, oni kuŝigis la ostojn de la **« Belga Nekonata Soldato »,** kiu tie dormas sian eternan dormadon.

Maur. JAUMOTTE.

---

## LA EDZINIĜO DE PRINCINO MARIE-JOSE.

La 8an de Januaro edziniĝis en Romo nia **Princino Marie-José,** fratino de Princo Leopoldo, Honora Prezidanto de « Belga Ligo Esperantista », kun **Princo Umberto de Savojo.**

Je tiu okazo, Belga Ligo Esperantista respektplene prezentas al la Princaj geedzoj siajn plej profundajn gratulojn kaj bondezirojn por ilia estonta feliĉo.

Tiu edziĝo plifirmigos la bonajn rilatojn inter la itala kaj belga nacioj.

Belga Ligo Esperantista uzas la okazon por sendi sian plej koran saluton al la tuta itala Samideanaro.

Fr. SCHOOFS.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — « La Verda Stelo ». La 28an de Dec. la membroj kunvenis laŭtradicie en «Witte Leeuw» por intime festi la «Kristnaskfeston». Bele ornamita abieto, kiun kiel ĉiujare prizorgis S-ino Schoofs, staris en la salono. La surprizloterio agrabligis ankoraŭ tiun vesperon, des pli agrabla pro la ĉeesto de nia ĉeĥa samideanino F-ino Maria Adamkova akompanata de 4 ĉeĥaj kaj polaj geamikoj.

La 4an de Januaro intime kunvenis la membroj en «Witte Leeuw» kaj sin amuzis per la esperanto-vortludo.

La 11an en « Brasserie de la Bourse» S-ro De Ketelaere estis kore aplaŭdata pro sia prelego el la plej karakterizaj poezioj de J. Baghy, la bone konata esperanto-poeto. Finiĝis la vespero per dancado plej gaja.

La 18an en «Witte Leeuw», kvankam pro la rekonstruado de la domo estas malfacile atingi la kunvenejon, la plej fidelaj membroj kunvenis kaj ĝuis la prelegon de nia Honora Prezidanto S-ro F. Schoofs. La tre-priparolata libro « En Okcidento nenio nova» tradukita en esperanto, vekis la intereson de la aŭskultantaro. Ĉiu samideano aĉetos tiun tradukaĵon. Por finigi la vesperon, plej spritajn poezietojn de Schwartz legis S-ro Schoofs el « La Verdkata Testamento», aro da spritaĵoj, kiuj pruvas, ke esperanto estas vere fleksebla kaj ĉiel uzebla lingvo. Bonega sukcesinta vespero.

AALST. — Post propaganda festo, la loka grupo « Pioniro » malfermis novan kurson, kiun partoprenas 72 gelernantoj, kiuj malgraŭ terure malbela vetero, regule sekvas la lecionojn. La kurso estas ree gvidata de S-ro Robert De Bondt.

Kvankam ŝi antaŭe ne ŝatis Esperanton, la patrino de la profesoro fariĝis esperantistino okaze de la 70a datreveno de la naskiĝtago de Zamenhof kaj por montri sian kontentecon, ŝi regalis sian filon per botelo da vino. Estas esperinde, ke multaj aliaj patrinoj ankaŭ je tiu tago estu ekkomprenintaj nian aferon !

La kurso de S-ro De Bondt, kiu havis 72 enskribintojn, finiĝis per ekzameno la 13an de Januaro en kiu partoprenis 30 lernintoj. La grupo baldaŭ komencigos novan elementan kurson, kiun gvidos S-ro De Bondt kaj pliperfektigan sub konduko de S-ro De Kegel.

En la regiono de Aalst UEA havos baldaŭ novan delegiton : Nome en Erpe, kie funkcios F-ino Rachel De Swaef.

GENTO. — La grupanoj kunvenis ĉiumerkrede kaj la kursoj regule funkciadis.

KORTRIJK (Courtrai). — La Esperantista Grupo de tiu urbo organizas franclingvan kurson, kiun gvidas S-ro Louis Genin, suboficiro, delegito de UEA en Wevelghem. Tiu nova kurso okazas en la urbdomo ĉiuĵaŭde. Ĉirkaŭ 30 gelernantoj ĝin sekvas.

LIEĜO. — La kurso gvidata de S-ro Kapitano Moncousin, prezidanto de la grupo bone funkcias ; 15 gelernantoj sekvis ĝin akurate kaj oni povas esperi, ke ili baldaŭ iĝos bonaj esperantistoj.

Grupaj kunvenoj okazis ĉiuvendrede je la 20a. en la sidejo «Café de l'Académie», 2 Rue de l'Académie, Samideano Davidson el Bialystok, vizitis la grupon kaj ege interesigis la ĉeestantojn parolante pri la movado kaj ĝia historio en la naskiĝurbo de Dro. Zamenhof.

Depost la restariĝo de la grupo, la lokaj gazetoj aperigis diversajn artikolojn pri kaj por Esperanto, kaj niaj Lieĝaj amikoj preparas zorge la organizadon de nia proksima nacia kongreso.

**Radio-Liége.** Vendredon, 17an de Januaro, la Sekretario de la Lieĝa laborista Esperantista Grupo paroladis por la aŭskultantoj de Radio-Liége, pri Esperanto kaj anoncis la disaŭdigon de Esperanto-kurso, kiu okazos ĉiuvendrede je la 20a. Ĉiuj samideanoj aŭskultu kaj sendu dankkarton al Radio-Liége, 51, Rue des Ursulines, Liége.

MORTSEL. — En tiu komunumo apud Antverpeno ankaŭ leviĝis la propagando por Esperanto. La loka grupo de la Oficisto-Sindikato de Komerco kaj Industrio, malfermis kurson de Esperanto, kies profesoro estas Sro. Eug. Seghers, membro de « La Verda Stelo ». La unua leciono okazis la 10an de Januaro. La farita propagando portis bonajn fruktojn, ĉar enskribis sin por la kurso trideko da lernantoj.

TIENEN-TIRLEMONT. — La movado tie bone progresis kaj la nova kurso gvidata de S-ro Dewolfs regule funkciadis dimanĉe de la 9½ ĝis la 11a. Krom pri la gramatiko, la profesoro ankaŭ instruas pri la historio de Esperanto ĝia organizado, literaturo, kaj t.p. La grupo deziras krei bibliotekon, sed ĝi ne estas sufiĉe riĉa por aĉeti multajn librojn, ĝi do faras alvokon al ĉiuj samideanoj por ke ili bonvolu donaci Esperantolibrojn, revuoj, gvidfoliojn k. c. Oni ĉion sendu al S-ro Dewolfs, Sekretario, Chaussée d'Oplinter, 53.

VERVIERS. — Kun granda plezuro ni konstatas tie novan viglecon de la movado. La nombro de la grupanoj tre kontentige kreskas.

Pro persona malhelpaĵo S-ro Schnitzler estis devigata forlasi la gvidadon de kurso ĉe la 4a grado. Lia anstataŭigo estis tre malfacila, sed feliĉe nia malnova kaj sindonema samideanino S-ino Borckmans pensiumita lernejestrino el Spa bonvolis akcepti la taskon kaj ŝi gvidas la kurson kun plej granda kompetenteco kaj lerteco.

Post la parolado de S-ro Cart, S-ro Herion prezidanto de la grupo malfermis novan kurson de la grupo en la « Lernejo de la komercaj sciencoj » en la Reĝa Ateneo ; ĉirkaŭ 15 gelernantoj ĝin ĉeestas regule kaj ankaŭ fariĝis anoj de B. L. E. Ni deziras al la grupgvidantoj daŭran sukceson de iliaj klopodoj.

WINTERSLAG. — Kurso komenciĝis en tiu loko, dank'al la bona propaganda laboro de nia tie loĝanta samideanino ĉeha, F-ino Marie Adamkova. Ŝia klaso estas ĉeestata de 12 lernantoj. Dankon kaj gratulon al nia kuraĝa amikino pro la kreo de tiu nova Esperanto-fokuso !

# EL LA PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

**ANTVERPENO.** « **La Verda Stelo** ». **Sabaton, 8an de Febr.**: je la 20½ h. en «Witte Leeuw», Frankrijklei, 4, Avenue de France: Laŭstatuta Jarkunveno Ĝenerala : Raportoj de la Sekretario kaj Kasisto pri la pasinta jaro ; reelekto de la Administrantaro.

**Sabaton, 15 an de Febr.**: je la 20½ h. Festkunsido en «Brasserie de la Bourse», Twaalfmaandenstr., rue des Douze-Mois, okaze de la disdono de diplomoj al la laŭreatoj el la kurso de F-ino M. Jacobs. Parolado de S-ro M. Jaumotte. Temo :« La estonto de Ligo de Nacioj».

**Jaŭdon, 20an de Febr.**: je la 20a h. en la Urba Instrua Instituto, Belgiëlei, 99, av. de Belgique: Malfermo de nova kurso de Esperanto.

**Sabaton, 22an de Febr.**: je la 20a h. en Salono «Cecil », Meirplaco: Granda Maskobalo. Kartoj po Fr. 10,— haveblaj en la sekretariejo kaj ĉe ĉiuj komitatanoj.

**Mardon, 25an de Febr.**: je la 20a h. en la kursejo: Ekzameno por la lernantoj de la kurso de S-ro G. Bastiaensens.

**Sabaton 1-an de Marto**: je la 20½ h. en «Witte Leeuw», Frankrijklei, 4, av. de France : Amuza kunveno.

**Sabaton, 8an de Marto** : je la 20½ h. en «Witte Leeuw»: Ĝenerala Kunveno.

**AALST.** — **Esperantista Grupo «Pioniro».** — **Lundon, 10an Febr.**: Festeto je la okazo de la diplomdisdono al la laŭreatoj el la ekzameno de 13 Jan. por la kursanoj de S-ro De Bondt. La gemembroj ludos komedieton : « Pio Dio ne Esperantiston!»

**Ĉiuvendrede** je la 7½ h. en kafejo «Boerenbond», Granda Placo : pliperfektiga kurso, gvidata de la prezidanto de la grupo.

**Je la mezo de Febr.**: malfermo de nova Esperantokurso, gvidota de S-ro De Bondt, Vic-Prezidanto.

**BRUĜO.** — **Bruĝa Grupo Esperantista.** — **Mardon, 4an Febr.**: Malfermo de supera kurso. Interparolado. Elektado de ludota teatraĵo.

Mardon, 11an Febr.: Ĉiujara ĝenerala kunveno : Parolado de la Prezidantino ; ĝenerala raporto de la Sekretario : financa raporto de la Kasisto. Diversaj proponoj por plua agado.

Mardon, 18an Febr.: Humora vespero. Ĉiu membro bonvolu prepari amuzan rakonton aŭ agrablan ludon.

Mardon, 25an Febr.: Ĉiujara kunveno de la membroj de UEA en Bruĝo .La grupanoj, kiuj ne estas membroj de UEA estas ankaŭ invitataj ĝin ĉeesti.

**BRUSELO.** — « **Brusela Grupo Esperantista**». **Kunvenejo** : « **Salons Modernes**», **24 Auguste Ortsstrato.**

**Lundon, 3an de Febr.** vespere : Parolata ĵurnalo. Amuza vespero.

**Lundon, 10an de Febr.** vespere : F-ino La Haye donos klarigojn pri la « Dispatching system».

**Dimanĉon, 16an de Febr.**: Vizito de la instalaĵoj de la «Dispatching service» en la Norda Stacidomo. La vizito okazos nepre je la 10a matene. Ĉiuj personoj, kiuj deziras partopreni, estu akurate je la 9¾ h. ĉe la angulo de la stratoj de Brabant kaj de Aerschot.

**Lundon, 17an de Febr.** vespere : Ĝenerala kunveno de la membroj.

**Lundon, 24an de Febr.** vespere : Daŭrigo de la diskutado pri internacia lingvo.

**GENTO. — «Genta Grupo Esperantista». —** Ĉiumerkrede, je la 19a. en la urba lernejo, St Pieters Nieuwstraat, 47, rue Neuve St Pierre, kunveno por la gemembroj kaj kursoj por la komencantoj.

**Merkredon, 5an de Febr.**: Malfermo de novaj kursoj gviditaj de S-roj Groverman kaj Petiau.

---

# NEKROLOGO

**S-ro F. Achille Nestor Fichefet,** el Oostende, membro de la Bruĝa Grupo Esperantista, mortis en sia 67a vivjaro, la 19an de Decembro 1929. Al la funebrantaj vidvino kaj geinfanoj de nia bona samideano ni prezentas niajn plej sincerajn kondolencojn.

**Generalo H. Sebert.**

Je la momento ekpresi nunan numeron, atingas nin el Parizo malgaja sciigo, ke Generalo Sebert mortis en tiu urbo la 23an de Januaro. Li estis 91-jara.

La mortinto estis unu el tiuj maloftaj scienculoj, kiuj komprenis la gravecon de internacia lingvo kaj unu el tiuj, kiuj de la komenco konvinkiĝis pri la taŭgeco de Esperanto. Li dediĉis grandan parton de sia vivo al la organizo de la Esperanto-movado en Francujo kaj li estis dum multnombraj jaroj la ĉefa helpanto de D-ro Zamenhof en la organizo de la tutmonda movado. Li starigis kaj subtenis mone, morale kaj labore la Esperantistan Centran Oficejon de Parizo, kiu faris gravajn servojn al la tutmonda samideanaro. Li multe okupis sin pri la organizo de la internaciaj kongresoj kaj estis prezidanto de la antaŭa Konstanta Komitato de la kongresoj. Kiam li, antaŭ kelkaj jaroj, pro malsano kaj maljuneco, estis devigata forlasi la efektivan laboron, la naciaj societoj esprimis sian dankon nomante lin Honora Prezidanto de K. R., kaj la lastokazinta Universala Kongreso, en Budapest, pri li memorigis, donacante al li la unuan honoran medalon de I.C.K.

Por ni, Belgaj Esperantistoj, Generalo Sebert ĉiam estis sincera helpema amiko, kiu tre interesiĝis en nia nacia movado. Diversajn belgajn Esperanto-kongresojn li partoprenis.

Respektplene ni klinas super la tombo de tiu kuraĝa maljuna batalinto kaj ni prezentas niajn plej profundajn sentojn de kondolenco al la funebranta familio Sebert kaj al la franca Esperantistaro.

# BELGA GAZETARO

« **Belga Radio** » No de Decembro prezentas la trian lecionon de la bonega Esperanto-kurso de nia amiko L. Bas, el Bruselo. La bone elektitaj ekzercoj, kiuj ĉiuj rilatas al la radio-fako, certe pligrandigos la studemon de la radio-amatoroj.

« **La Poste** » (Semajna organo de la Poŝta Federacio de Belgujo) N° 28 Dec. enhavas alvokon por sekvi kurson per korespondado, kiun organizas la Esperantista Federacio de P.T.T.-oficistoj.

« **L'Avenir d'Oostduinkerke**» No 29 Dec. tradukis artikoleton el «B. E.», kaj publikigas tradukon el « Heroldo de Esperanto» pri la Esperanto-Libertempoj de 1929.

Kvankam iom malfrue, ni tamen kun plezuro ricevis la julian numeron de la nova revuo « **Bureau**», monata gazeto de Organizado moderna de komerco. En ĝi ni trovas tutan artikolon pri Esperanto verkitan de J. Radermecker. Ni ne dubas, ke tiu artikolo tre interesos niajn legantojn : tial ni por ili ĝin tradukas :

**La organizantoj kaj Esperanto.**

La organizado pli kaj pli iĝas internacia movado.

Ĉiaj teorioj, ĝiaj eltrovoj, ĝiaj interesaj aplikoj emas eliri rapide la kadron malvastan (ho, kiom malvasta ĉe ni ! ) de la naciaj limoj kaj iĝi la intelekta aŭ materia propraĵo de ĉiuj civilizaj landoj.

En tio, la organizado sekvas cetere vojon montritan al ĝi de vico de ĉiuspecaj movadoj. Nuntempe ĉio internaciiĝas, kaj des pli bone.

Sed mi opinias, ke, laŭ vidpunkto de internaciiĝo, la organizantoj kaj la asocioj, kiuj ilin grupigas, povus utile iniciati laboron, kunlaborante laŭeble al la propagando de la internacia lingvo Esperanto.

Antaŭ ĉio, Esperanto, estante scienca lingvo, devas esti, principe, simpatia al tiuj, kiuj estas aŭ pretendas esti sciencaj homoj; sekve al la organizantoj.

Poste, Esperanto estante normaligo de la rimedo interŝanĝi la ideojn internacie, staras, principe, en la agokampo de tiuj, kiuj prave laboras por la normaligo en ĉiuj fakoj, kiel por faktoro grava de ekonomia kaj socia progresado.

Plie, la organizantoj esence estas, ĉu ne vere, ŝparantoj de tempo. Ili devas klopodi ĉiel por forigi aŭ por redukti unu el la plej gravaj perdoj, kiujn homo aŭ Societo povas suferi: tiun de la tempo. Sed studo de unu aŭ pluraj fremdaj lingvoj — el kiuj ĉiu estas plena je konfuzigaj akrobataĵoj — postulas, ĉiu tion scias, monatojn kaj jarojn.

Esperanto, kiu reduktas ĝis unu la lingvon, kies posedo estas utila flanke de la patra lingvo, aperas do kiel taŭga elemento de la organizado.

Ĝis tia grado, ke mi ne hezitas deklari, ke — malgraŭ ĉiuj aliaj progresoj — la mondo povos pretendi esti organizita nur kiam ĝi estos akceptinta universalan lingvon.

Fine, la organizantoj, nur atentante siajn personajn oportunaĵojn,

nekontraŭdireble havas intereson, ke la scienco internacia, kiu estas aŭ kiu devas iĝi la organizado, estu ankaŭ esprimata per internacia lingvo.

Kiom da pioniroj de la organizado hodiaŭ suferas en siaj studoj kaj en siaj realigoj pro tio, ke ili nur konas sian propran lingvon, kaj ne plu havas la tempon aŭ la volon profunde lerni ekzemple anglan kaj germanan lingvojn.

Kaj tamen, kiom da aferoj mi ekkonis persone ,legante presajojn en tiuj du lingvoj.

* * *

Malgraŭ tio mi studas fervore — preskaŭ pasie — Esperanton pro la ĉi supraj motivoj kaj mi instigas la organizantojn de ĉiuj landoj, agi same.

Mi ankaŭ sugestas al ili, ke en siaj revuoj, en siaj kunvenoj, en siaj kongresoj, ili instigu al studado de la internacia lingvo.

Samcela klopodado en tiu direkto de ĉiuj, kiuj nuntempe sin okupas pri organizado, sendube multe progresigus Esperanton sed ankaŭ la organizadon mem.

Alivorte, per reciproka penetrado, la du movadoj kompletigus, plifortigus unu la alian.

* * *

Metante min je la vidpunkto de homara progreso, mi antaŭe sendas mian plej koran bonvenon al la tago, eble iom malproksima ankoraŭ, sed laŭ mi tute certa, kiam la plej kleraj organizantoj parolos Esperanton kaj reciproke la plej progresemaj Esperantistoj parolos organizadon.

J. RADERMECKER.

## BONA NOVAĴO EL FRANCUJO

Nia samideano Houbart, Direktoro de «La Movado» el Parizo, havis intervjuon kun S-ro Léon Bérard, eks-ministro de publika Instruado, kiu antaŭ kelkaj jaroj havis malamikan sintenon kontraŭ Esperanto.

Kiam nia amiko aludis pri tio, S-ro Bérard faris geston ,kiu signifas, ke tiu aludo rilatas al epoko jam de longe pasinta, forgesita, preskaŭ antidiluva. Poste li diris :

« Mi ne estas kontraŭulo de Esperanto, tute ne! Tion vi povas certigi. Mi ekzamenis la strukturon de Esperanto. Ĉar tiu ĉi devenas, ĉefe de la latina lingvo, ĝi estas plej facile lernebla de la Francoj. Ĉu, cetere, rektoro de Akademio ne diris, ke Esperanto estas la latina lingvo de la demokratio ? Kaj, ĉar la proporcio de vortoj el la aliaj eŭropaj lingvoj estas ankoraŭ granda, oni povas diri, ke Esperanto estas lingvo, kiu ĉie devas veki scivolon. Laŭ la spirita vidpunkto, mi konsentas, ke Esperanto povas tre helpi al la alproksimiĝo de la popoloj, ĉar la unua devo por amikiĝi estas paroli saman lingvon. Ne sufiĉas la eksteraj elmontraĵoj de amikeco, pli necesas la vortesprimo de l'amikecaj sentoj».

Kvankam ni povus riproĉi al S-ro Bérard, ke li ne ekzamenis la strukturon de nia lingvo antaŭ ol dissendi sian faman cirkuleron, kiu, malgraŭ ĉio, faris malbonan servon al nia movado en Francujo, ni kun ĝojo notas la deklaron de nova defendanto de Esperanto.

# PRI PROSPER MERIMEE

Multaj el vi sendube konas « Carmen », la famkonatan operon de Bizet, sed eble sur malmultaj jam legis la verkon de Mérimée, ankaŭ titolitan «Carmen» el kiu estis ĉerpita la materialo de la opero.

Mérimée naskiĝis en Parizo en la jaro 1803, kaj mortis en 1870 en Cannes.

Li ne estis profesia literaturisto, sed sinsekve ŝtata administranto, kabinetestro de la ministro por eksteraj aferoj, inspektoro de la historiaj monumentoj ; poste li fariĝis ano de la franca Akademio. Kvankam li nur verkis kvazaŭ amatore, li jam de sia juneco akiris famon per sia beletristika talento.

En 1825, li publikigis sian unuan gravan verkon : « La teatro de Clara Gazul », kolekton de dramoj kaj komedioj, laŭdire tradukitaj de Mérimée, kaj atribuitaj de li al hispana aktorino. Sed tiu titolo estis mistifiko, kaj ankaŭ, ornamanta la volumon, la portreto de la tiel nomita Clara Gazul, kiu ja estis tiu de Mérimée mem, en dekoltita robo, la haroj kovritaj per mantilo.

La publiko tute kaptiĝis de Clara Gazul, kaj jen la komenca punkto de la famo de Mérimée.

Ne kredu cetere, ke la publiko fariĝis pli malfidema poste. Mérimée prezentis al ĝi sammaniere duan verkon: «La Guzla», aron da baladoj sajne tradukitaj el la ilirika lingvo, kiun li verkis en dek kvin tagoj kaj sekrete presigis en Strasbourg. Grandegan sukcesegon kiu transpasis la limojn de la lando. Eĉ Puŝkin, la rusa majstro, tradukis ruslingven kelkajn el tiuj baladoj.

Nun la verkoj sekvos unu la alian, sed Mérimée mem subskribos ilin.

Lia verkaro vere estas impona. Ĝi penetras en ĉiujn kampojn : romanon, historion, teatron, kritikon, arheologion, poezion, k.t.p. Ankaŭ li estis sperta lingvisto kaj scipovis la lingvojn anglan, hispanan, italan kaj rusan Li tradukis franclingven la verkaron de Puŝkin.

Sed li ŝuldis la plej certan parton el sia famo al siaj noveloj kaj rakontoj. Li kreis la novelon ; ĝi ja apartenas al li. Oni povas diri ke, se li havis famajn posteulojn, kiuj kelkfoje egalis lin, li estas superita de neniu, la majstro li restas.

Laŭ mia scio, kelkaj verketoj liaj estas esperantigitaj, nome «Mateo Falcone», la «Sieĝo de la Rochelle», «La konkiro de la Reduto».

Kiam oni legas tiujn novelojn, oni tuj estas impresita de ilia diverseco. Unue ili estas tre malsamaj je longeco ; la unuaj amplekssas kelkajn paĝojn la aliaj preskaŭ tutan volumon. Poste la nelacigebla vojaĝanto, la spertega lingvisto, la pasia erudiciulo, la scivola esploranto de kronikoj kaj legendoj, kiu estas Mérimée, kuntrenas nin en mil diversajn lokojn, elvokas morojn, aŭ malaperintajn aŭ nekonatajn, kaj aperigas antaŭ ni personojn se ne strangajn, tamen fremdajn.

Li efektive nur malofte priskribas la medion, kiu ĉirkaŭas lin. Li preferas vojaĝi kaj vojaĝigi nin kun li. De Francujo, (Kroniko de la

regado de Karlo IXa) li iras al Korsiko (Mateo Falcone), de tie al Svedujo (la vizio de Karlo IX) poste al Rusujo, (la konkiro de la Reduto), al Italujo (Federigo) al Hispanujo (Carmen), ne parolante pri Tamango, kies scenejo estas la maro. Almenaŭ li ne trouzas siajn kolorojn, nek la lokan koloron. Ni estu dankemaj al li pro tio.

Sed ne estas nur per la kadro kaj la duonviditaj moroj ke tiuj noveloj diferencas, estas ankoraŭ per ilia materialo : jen estas noveloj el subtila kaj rafinita psikologio, jen aliaj el stranga fantazio ; jen akrevidaj kaj sagacaj esploroj, kun klare markitaj personoj, jen legendoj, strangaj rakontoj, halucinacioj similaj al tiuj de Edgard Poë, kun herooj iom malprecizaj, faritaj kvazaŭ el pasto mola kaj griza.

Kaj ĉiuj tiuj malsimilaj verkoj havas la markstampon de ilia aŭtoro. Ĉiuj estas produktoj de tre preciza, tre akrevida observado, kaj de tre delikata arto. Li volas per kiel eble plej malmulte da vortoj, sen serĉitaj nek intencitaj efikoj, impresi maksimume. H. Lion, lia komentariisto, diras pri li «li estas klasikulo laŭ la larĝa senco de la vorto, sed klasikulo kiu metas sian fieron en la priskribo ne nur de la homa koro, sed ankaŭ de la eksteraĵo, kaj ankaŭ de la unu pere de la aliaj. Tial, ĉe li, senĉesa elekto : elekto inter animstatoj, elekto inter faktoj. El tio konsistas por li la arto supera».

Oni iom kulpigis lin pri manko de sentemo kaj fakte en siaj verkoj li ofte apenaŭ toleras larmeton de la leganto. Ŝajnas ke li faris sia tiun diron de Ste Beuve «En ĉiuj okazoj, rapidege venas la momento, kiam la realaĵoj eksplodas per rido antaŭ nia nazo». Do, Mérimée ne lasas al nia koro la tempon per moliĝi: el la paĝoj ŝprucas ĝustatempe bonvolema skeptikulo, kies delikata ironio avertas nin, ne lasi nian kortuŝon superpasi la permesitajn limojn.

Kion diri pri la stilo. Ĝi havas la solidajn ecojn de la klasika franca lingvo. «La prozo de Mérimée» diras H. Lion, «pensigas al tiu de Voltaire. Ambaŭ posedas en la plej alta grado la tiom francajn kvalitojn de sobreco kaj eleganta rapideco». La stilo absolute nur estas la vesto de la penso. Ĝia ornamaĵo estas ĝuste tiu ekzakta alglueco al la penso, el kio naskiĝas konstanta harmonio ; ĉar nenio ekstera, nenia vana ornamaĵo malordigas aŭ detruas la tuton. Natureco kaj simpleco estas ĝia esenca forto. Tiamaniere, ne serĉinte kaj eĉ serĉinte ne esti stilisto, Mérimée, estas unu el la plej bonaj en la franca literaturo. Tio estas konstantinda.

La vereco de la detaloj kaj la kortuŝa simpleco de «Carmen», ne plu bezonas laŭdon. La fantazio de la aŭtoro saĝe limiĝas je serio da scenoj kvazaŭ videblaj, el kiuj klare aperas la fizionomiojn de tiu diabla kaj nekontraŭstarebla Carmen kaj de la pasia kaj malfeliĉa Don José.

Mi tradukis la du ĉefajn scenojn de «Carmen» : la unua renkonto de la du geamantoj kaj la morto de Carmen ; la komencan kaj la finan partojn de la rakonto.

H. CASTEL.

## KIAMANIERE DON JOSE ENAMIĜIS EN CARMEN KAJ DEGRADIGIS SIN PRO ŜI.

Mi naskiĝis li diris, en Elizondo, en la valo de Bastan. Mi nomiĝas don José Lizarrabengoa, kaj vi sufiĉe konas Hispanujon, Sinjoro, por ke mia nomo tuj diru al vi, ke mi estas basko kaj malnova kristano. Se mi prenas la « don », estas ĉar mi rajtas tion fari, kaj se mi estus en Elizondo, mi montrus al vi mian genealogion sur pergameno. Oni volis ke mi fariĝu pastro, kaj oni studigis min tiucele, sed mi ne profitis la studadon. Mi tro ŝatis pilkludi : jen la kaŭzo de mia defalo. Kiam ni, Navaroj, pilkludas, ni ĉion forgesas. Iun tagon kiam mi estis gajninta, knabego de l'Alava ekkverelis kun mi ; ni kaptis niajn «maquilas» (1), kaj denove mi venkis ; sed tio devigis min forlasi la landon. Mi renkontis dragonojn, kaj mi eniris, kiel volontulo, la regimenton de Almanza kavalerio. Niaj montanoj rapide lernas la militistan metion. Mi baldaŭ fariĝis kaporalo, kaj oni estis promesinta al mi la serĝentecon, kiam, je mia malfeliĉo, oni gardostarigis min ĉe la tabakmanufakturo de Sevilla. Se vi jam vizitis Sevilla, vi certe vidis tiun grandan konstruaĵon, ekster la remparoj, apud la Guadalquivir. Estas kiel se mi ankoraŭ vidus antaŭ mi ĝian pordon kaj la najbaran gardejon. Kiam ili deĵoras, la Hispanoj kartludas, aŭ dormas ; mi, kiel vera Navaro, mi ĉiam serĉas okupadon. Mi estis faranta ĉeneton per latuna fadeno por tenigi pingleton. Subite la kamaradoj diras : Jen sonoras ; la virinoj tuj reiros al sia laboro. Sciu, Sinjoro, ke, en la manufakturo, kvar ĝis kvincent laboristinoj estas okupataj. Estas ili kiuj rulas la cigarojn, en granda ĉambrego, kiun la viroj ne povas eniri sen permeso de la «dudekvar» (2) ĉar la inoj sin komfortigas, precipe la junaj, kiam estas varme. Je la horo, kiam la virinoj reeniras, post sia tagmanĝo, muite da viroj venas por vidi ilin preterpasi, kaj ne ŝparas la amindumajn proponojn. Malmultaj el tiuj fraŭlinoj cetere rifuzas taftan mantilon. Dume la aliaj rigardadis, mi restis sidanta sur mia benko, apud la pordo. Juna mi estis, en tiu tempo, kaj daŭre pensis pri mia hejmolando, opiniante ke ne ekzistas beletaj idinoj sen bluaj jupoj kaj sen sur la ŝultrojn falantaj harplektaĵoj. (3). Krom tio, la Andaluzinoj timigis min, mi ne jam kutimiĝis al iliaj manieroj: ĉiam mokantaj, neniam unu vorton saĝan. Mi do restis sidanta, la nazo super mia ĉeneto, kiam mi aŭdis burĝojn kiuj diris: « Jen la «gitanilla». Mi levis la kapon, kaj mi vidis ŝin. Estis vendrede ; mi neniam forgesos tion. Mi vidis tiun Carmen, kiun vi konas, ĉe kiu mi vin renkontis antaŭ kelkaj monatoj.

Ŝi havis mallongegan ruĝan jupon, sub kiu vidiĝis blankaj silkoŝtrumpoj kun pli ol unu truo, kaj beletaj ŝuetoj el ruĝa marokeno, alligitaj per fajrokoloraj rubandoj. Sian mantilon ŝi estis forŝovinta por ke oni vidu ŝiajn ŝultrojn, kaj grandan bukedon eliĝanta el ŝia

---

1) ferumitaj bastonoj de la Baskoj.

2) magistratano, kiu estras la policon kaj la urban administracion.

3) ordinara kostumo de la kamparaninoj en Navaro kaj en la baskaj provincoj.

ĉemizo. Ankaŭ si havis floron en angulo de la buŝo, kaj ŝi antaŭenpaŝis, sin balancante sur la koksoj, same kiel ĉevalidino en la ĉevalbredejo de Cordoba. En mia lando, tiele vestita virino devigus ĉiujn, fari la krucosignon. En Sevilla, ĉiu faris al si ian gajan komplimenton pri sia eksteraĵo; al ĉiu ŝi respondis, kaj alloge okulumis, la pugno sur la kokso, senhonta kiel la vera ciganino kiu ŝi estis. Komence ŝi ne plaĉis al mi, kaj mi redaŭrigis mian laboron; sed ŝi — laŭ la kutimo de la virinoj kaj de la katoj, kiuj ne venas, kiam oni ilin vokas, sed venas kiam oni ilin ne vokas — si haltis antaŭ mi kaj ekparolis min:

— Kamarado, ŝi diris laŭ la andaluza maniero, ĉu vi bonvolas doni al mi vian ĉeneton por kuntenigi la ŝlosilojn de mia monŝranko?

— Estas por tenigi mian pingleton, mi respondis.

— Vian pingleton! Ŝi ekkriis ridante. Ha, Sinjoro faras puntaĵojn, ĉar li bezonas pinglojn!

Ĉiuj kiuj estis tie ekridegis; mi sentis min ruĝiĝi, kaj ne kapablis trovi ion por respondi.

— Nu, karuleto mia, ŝi daŭrigis, faru por mi sep ulnojn da nigra punto por mantilo, pinglisto de mia koro!

Kaj kaptante la floron, kiun ŝi havis inter la lipoj, ŝi ĝin ekĵetis al mi, per movo de la dikfingro, ĝuste inter la du okulojn. Sinjoro, mi sentis min kvazaŭ trafita de kuglo... Mi ne sciis kien enŝoviĝi. Senmova mi restis, kiel tabulo. Kiam ŝi estis enirinta la manufakturon, mi vidis, inter miaj piedoj, la terenfalintan floron; mi ne scias kia sento atakis min, sed mi ĝin ŝtelprenis, ne rimarkite de miaj kamaradoj, kaj gin zorgege ŝovis en mian jakon. Unua stultaĵo!

Du aŭ tri horojn poste, mi ankoraŭ estis pripensanta tion, kiam en la gardejon kuris senspira pordisto, konfuzegita pro teruro. Li rakontis ke, en la cigarĉambrego, virino estas mortigita, kaj ke urĝas sendi tien la gardistaron.

— Iru, diris al mi la serĝento. Du soldatoj akompanu vin.

Triope, ni supreniris.

Imagu, sinjoro, ke, enirinte la ĉambregon, mi unue trovis tri cent virinojn duonnudajn, ĉiujn kriegantajn, gestadantajn, sufiĉe bruegante por ke oni ne povu aŭdi Dion tondri. En angulo kuŝis, unu, kovrita de sango, kun X sur la vizaĝo, kiun oni jus markis al ŝi per du ponardotranĉoj.

Kontraŭ la vunditino, kiun helpis la plej bonkoraj el la aro, mi vidis Carmen, tenata de kvin aŭ ses koleginoj. La vundita virino kriadis:

— Konfeson... Konfeson... mortinta mi estas.

Carmen diris nenion; ŝi premis la dentojn, kaj ĉiuflanken turnis la okulojn kiel ĥameleono.

— Kio okazas, mi diris.

Nur penege, mi sciiĝis pri la okazintaĵo, ĉar ĉiuj laboristinoj parolis samtempe. Ŝajnas ke la vunditino estis glorinta sin havi sufiĉe da mono en la poŝo, por aĉeti azenon ĉe la foiro de Triana.

— Nu, diras Carmen, kiu langon havis, ĉu balailo ne sufiĉas al vi?

La alia, ofendite pro la riproĉo, respondis ke ŝi ne estis kompe-

tenta pri balailoj, ne havante la honoron esti ciganino nek filino de Satano, sed ke fraŭlino Carmencita baldaŭ konatiĝus kun ŝia azeno, kiam la sinjoro «Koreĝidoro« (corregidor) ŝin kondukos promenadi, kun du lakeoj malantaŭe por forpeli la muŝojn.

— Nu, diris Carmen, mi faros al vi muŝtrinkujojn sur la vangon kaj mi tie volas pentri daman tabulon. (1)

Tuj poste, per la tranĉilo kiun ŝi uzis por tranĉi la cigarekstremaĵojn, ŝi ekdesegnis al ŝi Sankta Andreajn krucojn sur la vizaĝon.

La kulpo estis evidenta ; mi kaptis ŝin je la brako.

— Fratino mia, mi diris ĝentile, estas necese sekvi min.

Ŝi ekrigardis al mi, kvazaŭ ŝi min rekonus ; sed ŝi diris per rezignema tono :

— Ni marŝu. Kie estas mia mantilo ?

Ŝi metis ĝin sur sian kapon tiamaniere, ke oni nur vidu unu el ŝiaj grandaj okuloj, kaj ŝi sekvis miajn soldatojn, milda kiel ŝafo. Je la alveno en la gardejon, le serĝento diris ke la afero estas grava, kaj ke oni konduku ŝin al la malliberejo. Denove mi estis komisiita por ĉi tiu tasko. Mi lokis ŝin inter du dragonoj, mem marŝante malantaŭe, kiel kaporalo devas fari en tia okazo. Ni ekforiris al la urbo. Komence la ciganino tute silentis; sed, en la strato de la serpento — vi ĝin konas, — ĝi vere meritas sian nomon, pro ĝiaj kurbiĝoj, — en la strato de la serpento, ŝi komencas faligi sian mantilon sur siajn sultrojn, por vidigi sian kareslogan mienon kaj, sin turnante al mi tiom kiom si povis, si diris :

— Nia oficiro. Kien vi kondukas min ?

— Al la milliberejo, malfeliĉa infano mia, mi respondis kiel eble plej milde, kiel bona soldato devas alparoli kaptiton, precipe virinan.

— Ho ve, Kio mi fariĝos ? Via moŝto oficira, kompatu min. Vi estas tiel juna, tiel afabla !

Kaj poste pli mallaŭtvoĉe :

— Lasu min forkuri, ŝi diris, mi donos al vi...

— Ni ne estas tie-ĉi por diri ŝtultaĵon ; vi devas iri al la malliberejo, estas ordono, kaj nenio povas helpi.

Ni, baskoj, havas prononcmanieron kiu facile rekonigas nin de la Hispanoj ; kompense, ne estas unu el ili, kiu eĉ kapablus diri «bai, jaona» (1) Carmen do povis senpene diveni, ke mi estis devena el la provincoj. Sciu, Sinjoro, ke la ciganoj, ĉar ili devenas el neniu lando, ĉiam vojaĝadas, parolas ĉiujn lingvojn, kaj la plimulto el ili estas hejme en Portugalujo, en Francujo, en la Provincoj, en Katalunujo, ĉie ; eĉ kun la Araboj kaj la Angloj, ili interkompreniĝas.

Carmen, sufiĉe bone sciis la baskan lingvon.

— «Laguna ene bihotsareno», kamarado de mia koro, ŝi subite diris, ĉu vi estas el la lando ?

Nia lingvo, Sinjoro, tiel estas bela, ke, kiam ni ĝin aŭdas en alia regiono, tio ektremigas nin...

---

(1) En Hispanujo la damaj tabuloj havas blankajn kaj ruĝajn kvadratetojn.

(1) jes, sinjoro.

— Mi estas el Elizonde, mi respondis baske, kortuŝite pro la aŭdo de mia lingvo.

— El Etchalar mi estas, ŝi diris, — estas lando je kvar horoj de la mia — Ciganoj forkondukis min al Sevilla. Mi laboris en la manufakturo por gajni la monon permesontan al mi, reiri al Navarujo, al mia malfeliĉa patrino, kiu nur havas min kiel subtenon, kaj malgrandan «barratoea« (2), kun dudek cidropomarboj. Ha ! se mi estus en la lando, antaŭ la blanka monto. Oni insultis min, ĉar mi ne estas el tiu lando de friponoj, vendistoj de putritaj oranĝoj, kaj tiuj inaĉoj minacis min, ĉar mi estis dirinta ke ĉiuj iliaj fanfaronoj de Sevilla, kun siaj tranĉiloj, ne timigus knabegon el « ĉe ni » kun lia blua bireto kaj lia «marquila. Kamarado, mia amiko, ĉu vi nenion faros por samlandanino? Ŝi mensogis, Sinjoro, ĉiam ŝi mensogis. Mi ne scias ĉu, en sia vivo, tiu ino diris unu vorton da vero; sed, kiam ŝi parolis, mi kredis ŝin, tion mi ne povis kontraŭstari. Ŝi fuŝprononcis la baskan lingvon kaj mi kredis, ke ŝi estis Navarino; ne nur ŝiaj okuloj, sed ŝia buŝo kaj ŝia vizaĝkoloro malkaŝis la ciganinon. Freneza mi estis, nenion plu mi priatentis. Mi opiniis ke, se Hispanoj estus malĝentile parolintaj pri la lando, mi estus tranĉinta, al ili la vizaĝon, same kiel ŝi ĵus faris al sia kamaradino. Unuvorte, mi estis kiel ebria viro; mi komencis diri stultaĵojn, kaj pretigis min ilin fari.

— Se mi puŝus vin kaj se vi falus, samlanduleto ŝi daŭrigis baske, ne estas ĉi tiuj du kastilanaj rekrutoj, kiuj retenus min...

Mi ja forgesis la ordonon, kaj ĉion, kaj diris :

— Nu, amikinjo mia, provu, kaj la dipatrino vin helpu.

En tiu momento, ni pasis antaŭ unu el tiaj mallarĝaj stratetoj kiuj estas tiom nombraj en Sevilla. Subite Carmen returniĝas, kaj donas al mi pugnobaton sur la bruston ; intence mi lasas min fali renversen. Ŝi eksaltegas super min, kaj komencas kuregi, montrante al ni paron da kruroj... Oni diras baskajn krurojn, sed la ŝiaj valoris ja multajn aliajn... tiel rapidaj kiel belformaj. Mi tuj leviĝas, sed metas samtempe mian lancon transversen, tiamaniere ke, la strato estante barata, la kamaradoj, en la unua momento, estis haltigataj ĝuste, kiam ili komencis postkuri ŝin. Poste mi ekkuradis mem, kaj ili post mi; sed, atingi ŝin... ne estis risko, kun niaj spronoj, niaj sabroj kaj niaj lancoj. En malpli da tempo ol mi bezonas, por tion diri al vi, la kaptitino estis malaperinta? Cetere, ĉiuj klaĉulinoj el la kvartalo faciligis sian forkuron, kaj mokis nin, montrante al ni la malĝustan vojon. Post pluraj marŝadoj ire-returne, ni estis devigataj reveni al la gardejon, sen ricevatesto de la mallibereja direktoro.

Por ne esti punataj, miaj homoj diris ke Carmen parolis baske kun mi, kaj verdire, ne ŝajnis laŭnature, ke pugnofrapo de tiom malgranda virineto tiel facile estus renversinta fortikulon kiel mi. Ĉio tio ŝajnis suspektinda, aŭ, pliĝuste, tro klara. Tuj post la finiĝo de mia garda deĵoro, mi estis degradata kaj sendata al la malliberejo por unu

(2) ĝardeneto.

monato. Estas mia unua puno de kiam mi estis soldato. Adiaŭ la galonojn de serĝento kiujn mi jam pensis akiritaj.

## LA MORTO DE CARMEN.

(Pro amo al Carmen, José fariĝis kontrabandisto, eĉ, laŭbezone, ŝtelisto kaj rabisto. Sed pli kaj pli li estas ĵaluza je Carmen ; ju pli ŝia amo malfortiĝas, des pli la lia kreskas kaj paroksismiĝas. Nun li estas decidinta ŝin mortigi).

Post kiam la Meso estis farita, mi reiris al la «venta». Mi preskaŭ esperis ne plu revidi ŝin ; ŝi estus povinta preni mian ĉevalon, kaj esti jam malproksime... sed mi ŝin retrovis. Ŝi ne volis ke oni povu diri ke mi ŝin timigis. Dum mia forestado, ŝi malkudris la randorefaldaĵon de sia robo, por eltiri la plumbaĵojn el ĝi. Nun, ŝi estis antaŭ tablo, rigardante en akvoplenan pelvon, la plumbon kiun ŝi estis fandinta kaj ĵus ĵetinta en ĝin. Tiom ŝi estis okupata pri sia magio, ke ŝi komence, mian revenon ne rimarkis.

Foje ŝi prenis plumbopecon, kaj turnis ĝin ĉiuflanken kun malgaja mieno, foje ŝi kantis iun el tiuj sorĉaj kantoj, per kiuj ili alvokas Maria Padilla, la amatinon de Don Pedro, kiu estis, laŭdire, la «Bari Crallisa», aŭ la granda reĝino de la ciganoj :

— Carmen, mi diris al ŝi, ĉu vi bonvolas veni kun mi ?

Ŝi leviĝis, forĵetis sian lignan pelveton, kaj metis sian mantilon sur sian kapon, krazaŭ preta por foriri. Oni alkondukis mian ĉevalon, mi ĝin suriris, ŝi post mi, kaj ni malproksimiĝis.

— Nu, mi diris, post iom da vojiro, Carmenjo mia, vi bonvolas sekvi min, ĉu ne ?

— Mi sekvas vin al morto, jes, sed mi ne plu vivos kun vi.

Ni estis en dezerta interkrutejo; mi haltigis mian cevalon.

— Ĉu estas tie ? ŝi diris.

Kaj per unu saltego, ŝi venis teren. Ŝi demetis sian mantilon, ĵetis ĝin al siaj piedoj, kaj restis senmova, unu pugnon sur la kokso, fikse rigardante min.

— Vi volas mortigi min, mi ja vidas tion, ŝi diris ; estas skribite, sed vi ne cedigos min.

— Mi petegas vin, mi diris al ŝi, estu prudenta. Aŭskultu, la tuta estinteco estas forgesita. Tamen, vi scias tion, estas vi kiu devojigis min ; estas pro vi ke mi fariĝis ŝtelisto kaj mortiginto. Carmen, Carmenjo mia, lasu min vin savi, kaj min savi kun vi.

— José, ŝi respondis, vi petas de mi neeblaĵon. Mi ne plu amas vin ; vi, vi ankoraŭ amas min, kaj tial min volas mortigi. Denove, mi ja povus diri ian mensogon; sed mi eĉ ne volas peni por tio. Ĉio finiĝas inter ni. Kiel mia « rom » (1) vi rajtas mortigi vian « romi » ; sed Carmen ĉiam estos libera. « Calli » ŝi naskiĝis ; « calli » ŝi mortos.

— Vi do amas Lucas ? mi demandis.

— Mi amis lin, jes, kiel vin, momenton, malpli ol vi eble. Nun, mi neniun plu amas, kaj malamas min pro tio ke mi vin amis.

---

(1) rom=edzo; romi=edzino (cigano).

Mi ekgenuis antaŭ ŝi, ŝiajn manojn mi premis, surverŝante ilin per miaj larmoj. Mi memorigis al ŝi ĉiujn momentojn kiujn ni travivis kune.

Mi proponis resti rabisto por plaĉi al ŝi. Ĉion, Sinjoro, ĉion, mi proponis, ĉion se nur ŝi bonvolus ankoraŭ min ami.

— Vin ankoraŭ ami estas neeble. Vivi kun vi tion mi ne volas.

Mi furioziĝis, kaj eltiris mian ponardon, esperante ke ŝi timiĝus, kaj petus pardonon, sed tiu virino estis demonino.

— Je la lasta fojo, mi ekkriis, ĉu vi volas veni kun mi ?

— Ne, Ne, Ne. Ŝi diris piedfrapadante.

Kaj de sia fingro si tiris ringon donacitan de mi, kaj ĝin ĵetis en la dornarbetaĵojn.

Mi frapis ŝin dufoje. La ponardon de la «unuokululo» mi estis kunpreninta, pro rompiĝo de la mia. Ŝi falis senkrie, post la dua frapo. Estas kvazaŭ mi ankoraŭ vidas ŝian grandan nigran okulon fikse min rigardantan ; tuj poste ĝi malklariĝis kaj fermiĝis. Senesperigite, tutan horon mi restis antaŭ ĉi tiu kadavro. Poste mi ekmemoris ke Carmen ofte diris al mi ke ŝi ŝatus, esti enterigita en arbaron. Mi fosis tombon, per mia tranĉilo kaj ŝin tien kuŝigis. Longtempe mi serĉis sian ringon kaj ĝin fine trovis. En la fosaĵon mi metis ĝin apud ŝi, kun malgranda kruco. Eble mi malpravis. Poste, mi surĉevaliĝis, galopis ĝis Cordoba, kaj, en la unua gardejo, mi konigis min. Mi diris ke mi mortigis Carmen sed ne kie estis ŝia korpo. La ermito estis sankta homo. Li preĝis por ŝi. Li farigis meson por ŝia animo... Malfeliĉulino. Estas la « cale » kiuj estas kulpaj edukinte ŝin tiele.

Prosper Mérimée. (Carmen).
Tradukis H. CASTEL.

---

# KOMPATU MIN

Kompatu min amikoj miaj, vi
Simpluloj kun alhoma amfervor',
Sen fort', sen ĝoj' mi estas en angor',
Sen elastec, en vira tragedi'.

Infan' mizera migras nun en plor'
Al foririnta la patrino mi, —
Ke ŝia voĉ' ĝojigu min, ho Di' ! —
Sed vane serĉas mi al ŝia kor',

Kaj scias ke mi ne ŝin trovos plu
Kaj kvankam homspertega, sen konsol'
Penadas tamen kun infanobstin'.

Ho min kompatu dum la kruda bru'
De l'viroj kun pli forta amo ol
Malĝoja ĝemo de infananim'.

Prosper VAN LANGENDONCK.
Tradukis Hector Vermuyten.

# BONHUMORO

## LA KAPRINO KAJ LA LUPO.

« Vi ne devus supreniri «, diris la lupo al la kaprino, kiu manĝis alte sur kruta ŝtonego, kie la lupo ne povis atingi ŝin.

« Vi certe havas kapturniĝojn tie alte, kaj vi povus defali. Vi trovos ankaŭ la herbon multe pli mola kaj pli abunda tie-ĉi ». « Mi pardonpetas vin», respondis la kaprino ; «ne estas por mia vespermanĝo, ke vi invitas min, sed por la via ».

## ŜERCO DE KORTEGANO.

Reĝo Vilhelmo la IIIa de Holando, kiu multe amis la ĉason, ekvidis iun tagon, belan fazanon lokitan sur alta branĉo.

La reĝo pafas.

Je lia granda miro la fazano restas senmova.

« Kiel tio estas ?» demandas la suvereno al kortegano. Mi akceptas, ke mi maltrafas ĝin, sed kial ĝi ne ekflugis ?

Tiam la kortegano kun rideto : « Moŝto, pafu ankoraŭ unu fojon; ĝi eble ne aŭdis la unuan . Tradukis P. ROGIERS.

---

LA EDZINO, LA EDZO KAJ LA BOVOVIRO. — La edzino al sia edzo postkurita de bovoviro. — Nu, Karolo, ni jam malfruiĝis kaj vi kuras en direkto mala kompare kun la stacidomo !

EDZO KAJ EDZINAMIKINO. — La amikino. — Nu, Sinjoro, vi forvojaĝos sen via edzino ?

La edzo. — Jes, kara Sinjorino ; mi ekfaros vojaĝon porplezuran.

INTER KAMPARANOJ. — Unua kamparano. — En mia farmo mi havas fenomenon : dupieda bovido.

Dua kamparano. — Mi tion scias : hieraŭ li venis por peti, ke li edziĝu je mia filino.

NE SUKCESINTA MEMMORTIGO. — En mia malespero, mi volis ĵeti min tra l' fenestro ; sed io min retenis.

— Kio ?

— La kvin etaĝoj laŭlonge de kiuj mi estus falinta.

PAŬLĈJO KAJ PANJO. — Paŭlĉjo : Panjo, mi havas surprizon por ci.

Patrino : Ĉu jes, karulo mia ?

Paŭlĉjo: Jes ! Mi englutis najlon !

MILITISTA DISCIPLINO: La leŭtenanto al siaj en vico starantaj soldatoj : Kiam mi diros « unu ! » vi ĉiuj saltos en aero ; Kiam mi diros « du ! » vi ĉiuj remalsupreniĝos sur tero!

LA TABAKO : Diru kion vi volas; sed mi asertas, ke fumi estas malbona por la korpa organismo.

— Tamen, mia avo, kiu multe fumis, fariĝis centjarulo.

— Nu, se li ne estus fuminta li estus vivinta ĝis cent kvindek jaroj.

MENSA KALKULO: Nu, vi mirigas min! Li pruntedonas al mi mil frankojn sed li efektive donas nur kvin cent. Li ŝuldas do al mi kvin cent frankojn. Sed mi ŝuldas al li ankaŭ kvin cent frankojn : sekve ni estas kvitaj ! !

## 22a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

EL BULTENO No 3. 10 JANUARO 1930

**Kotizo por infanoj** ne pli ol 15-jaraj; 5 ŝilingojn.

**Magistrata Akcepto:** La Urbestraro de Oxford promesis akcepti la kongresanojn kaj la Urbestro oficiale bonvenigos ilin dum iu kunsido.

**Provizora programo : Sabaton :** Kunsidoj de I.C.K. kaj de Ĝenerala Estraro. Urbestra gastigo. — **Dimanĉon:** Diservo ; Fotografo ; kunsido de K. R.; Malferma kunsido. — **Lundon:** 1-a Laborkunsido; Malfermo de Somera Universitato ; fakaj kunsidoj; Naciaj kostumdancoj; **Mardon :** Kunveno de UEA; Som. Univ.; fakaj kunvenoj; Publika propaganda kunveno. — **Merkredon :** 2a Laborkunsido ; Som. Univ.; fakaj kunv.; Teatraĵo kaj koncerto. — **Jaŭdon:** Tuttagaj ekskursoj; Koncerto kaj teatraĵo. — **Vendredon:** 3a Laborkunsido; Balo. — **Sabaton:** Ferma Kunsido.

**Postkongresaj ekskursoj :** Okazos postkongreso en Londono ; krom tio ekskurso al la belega angla laga regiono, al Devon kaj al la insulo Wight. Detalos sekvas.

**Kongreslibro :** aperos espereble je la fino de junio.

**Fervojrabato:** la revenbileto de iu stacio aŭ haveno brita al Oxford estos la unudirekta prezo plus 1/3. Tiu favoro validas nur de la 1-a ĝis la 11-a de Aŭg., kaj nur por reveno al la deira urbo.

**Poŝtkartoj** de Oxford kun Esperanto-teksto: 12 kartoj; 1 ŝ. 2 p. afrankite.

**Aliĝoj:** Jam 170 el 14 landoj. (Anglujo 112, Belgujo 6, Danujo 1, Francujo 4, Germanujo 16, Hispanujo 1, Irlando 1, Japanujo 1, Kimrujo 2, Nederlando 3, Polujo 2, Saarteritorio 1, Skotlando 19, Svislando 1.)

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

**AMIKA RONDVOJAĜO INTERNACIA.** — Sub tiu nomo fondiĝis malgranda organizo kun granda celo.

La celo estas «Fari en konsento. Unu grandan rondon familian.» Ĝi aranĝos dum la Paska libertempo rondvojaĝon internacian, laŭ tute nova, sed simpla sistemo.

Grupo de Nederlandaj Esperantistoj intencas fari rondvojaĝon de Amsterdamo al Köln - Bruselo - Antverpeno ree al Amsterdamo, kaj restos en ĉiu urbo du tagojn.

Kölnanoj, kiuj volas partopreni, povas kunvojaĝi DE Köln. Ilia vojaĝo ne finiĝos en Amsterdamo, sed en Köln, post dutaga vizito al Amsterdamo. Bruselanoj ankaŭ povas partopreni ; ilia vojaĝo komenciĝas en Bruselo, kaj post la vizito al Amsterdamo, ili daŭrigos sian vojaĝon preter Köln laŭ la originala programo. Tiu regulo ankaŭ valoras kompreneble al la Antverpenaj partoprenontoj. **Do ĉiu faros la tutan vojaĝon.** Post Antverpeno la partopreno estos fermita. Tiam ni havos veran grandan rondon familian internacian.

En la somero diversaj tiaj rondvojaĝoj estos aranĝataj. Plenaj detaloj pri la unua Paskovojaĝo sekvos plej baldaŭ.

Pri informoj oni sin turnu al la administranto : Hans Bakker, Nieuwe Keizersgracht, 56, Amsterdam (Nederlando).

# BIBLIOGRAFIO

**L'ESPERANTO EN DIX LEÇONS.** — 14e édition, de Th. Cart kaj M. Pagnier. 76 paĝoj 11 x 17,5 cm. Speciala eldono por Belgujo. 1929. Belga Esperanto-Instituto, S. C, 11, rue du Petit Chien, Antverpeno. Prezo : Fr. 5.—.

Superflue estas fari laŭdon pri tiu simpla gramatiko por franclingvanoj, kiu faris jam tiom da servoj al nia movado. Pro tio ke ĉi tiu speciala eldono portas sur sia kovrilo ĉiujn informojn pri la organizo de la Esperanto-movado en Belgujo, ĝi certe pliintensigos la propagandon en Belgujo.

**ITALAJ URBOJ : MONTECATINI ; ĝiaj mineralakvoj kaj grotoj.** Turista kaj komerca gvidlibro. Eldono dulingva: itala kaj Esperanta. — 104 paĝoj 12x17 cm. Prezo Lir. it. 7.—. Eldonis 1928: A. Paolet, S. Vito al Tagliamente (Italujo). — Bele ilustrita gvidlibreto enhavanta bonajn priskribojn historiajn kaj geografiajn. Krom tio la libreto enhavas ĉiujn praktikajn informojn, kiujn turisto bezonas antaŭ kaj dum la vojaĝo.

**POEMARO EL HUNGARLANDO** (Hungaraj poetoj de la 16a jarcento ĝis niaj tagoj). Esperantigis Francisko Szilagyi. 96 paĝoj 13,5x20,5 cm. Prezo: B. fr. 20,—. Eldonis 129 « Vajda Janos» Literatura Societo, Budapest. Belega kolekto de 70 poezioj el la hungara beletristika ĝardeno. La libro donas plej bonan ideon pri la hungara poetaro. La tradukinto montras grandan talenton: lia laboro estas flua kaj agrable impresas la leganton. Kun la eldonantoj ni diras: Se vi deziras indan memoraĵon el Hungarujo, nepre aĉetu tiun ĉi libron.

**Biblioteko « Nova Kulturo » N° 9-10 : LA FORTOJ EN LA VIVA NATURO,** de P. Danov. 56 paĝoj 12x20 cm. Prezo: Sv. fr. 3,— por la unua kolekto de 10 numeroj de la biblioteko. Eldonis: Atanas Nikolov, Str. Car Iv. Ŝiŝman 19, Burgas (Bulgarujo).

**LA LIBERVOLA HELP-SERVO en la inunditaj regionoj de Lihtenstejno** (2an de Aprilo ĝis 5a de Oktobro 1928). 72 paĝoj 15x22 cm. Prezo Sv. fr. 1. Multilustrita broŝuro kun artikoloj en germana, franca kaj angla lingvoj kaj resumo en Esperanto. Tiu libreto donas klaran bildon pri la organizo kaj pri la rezultoj de help-servo organizita dank' al libervolaj laborantoj en la forte frapitaj regionoj. Eldonis: Konstanta komitato por la I. H.S., 18 Hinterer Gotterbarmweg, Basel.

**KLUCZ DO ESPERANTO.** — Pola Ŝlosilo de Esperanto. 48 paĝoj 7,5 x11 cm. Eldonejo: Esperantista Voĉo, Jaslo (Polujo).

**KLJUĈ ZA ESPERANTO.** — Sloveno Ŝlosilo de Esperanto. 40 paĝoj 7,5 × 11 cm. : Eldonis Sudslava Esperanto-Servo, Jezuitska ul. l.

**ESPERANTO RAKTAS.** Ŝlosilo de Esperanto en Litova lingvo.

**KLŬĈ JAZYKA ESPERANTO.** Ŝlosilo de Esperanto en Slovaka lingvo.

# Universala Ekspozicio de Antverpeno 1930

**Rabatpreza abono por niaj membroj !**

*FR.* ***40.****— ANSTATAŬ FR.* ***50.****—*

La membroj de Belga Ligo Esperantista kaj de ĝiaj aliĝintaj grupoj ĝuos *rabaton de 20%* sur la abonprezo de la Universala Ekspozicio de Antverpeno.

Tiuj, kiuj deziras profiti tiun favoron, bonvolu pagi Fr. 40,— al la poŝtĉekkonto 726.54 de nia loka grupo *"La Verda Stelo"*, kaj sendi al la sidejo de *tiu grupo, Kleine Hondstraat 11, Antverpeno, du fotografaĵojn* (formata 4 x 4 cm.) kun, sur la dorso skribitaj, la nomo kaj la antaŭnomoj.

Ni ne dubas, ke ni baldaŭ atingos la nombron de 100 mendantoj, kiu estas necesa por akiri la prezentitan rabaton.